

# Boletín

*Nº 354 januaro/februaro 2002*



Antonio Marco, nia analisto, prezentas novan libron

*Asociación de utilidad pública*

EDERACIÓN
SPAÑOLA
E ESPERANTO
PANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA (Caja Postal):**
**0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo

# Kunsido de la HEF-Estraro



La HEF-Estraro kunsidis en la Centra Oficejo de la Asocio en Madrido la 26an de januaro 2002 ekde la 10:15 horo. Ĉeestis: Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Luis E. Hernández, Manuel Parra, Augusto Casquero kaj Marcos Cruz, plus la kunlaborantoj Rafi Urueña, Ana Manero, David Trigo kaj Toño del Barrio. Prezentis sian ekskuzon Galofré kaj Gutiérrez.

**Pritraktitaj aferoj:**

1— La sekretario laŭtlegis la protokolon de la antaŭa kunsido (29 sept. 2001, Boletín 353), kaj oni ĝin aprobis. Krome oni reviziis la ĝisnunan plenumon de ties decidoj:

a) Pri la (ne)konveno pagi Imposton pri Ekonomiaj Aktivaĵoj (IAE), la raporto prezentita al la estraro la 2an de oktobro, post enketo de Marcos Cruz ĉe la Ministerio pri la Financoj, pravigas la devon pagi IAE por rajti la fakturadon de servoj. La diversaj fakoj sub kiuj la asocio povus aliĝi, vendaj aŭ instruaj, signifus ĉiam konsiderindan sumon ĉiujaran. Ĉar tiu imposto baldaŭ malaperos, la estraro, post trastudo, decidis atendi kaj nur poste laŭleĝigi la fiskan situacion kiu ebligos al la asocio fakturi siajn servojn.

b) Pri la agado "Jardeko por Kulturo de Paco" ni fakte faris nenion.

c) Pri regula sendado de informoj al ĵurnalistoj, okazis la unuaj kontaktoj inter la kunlaborantoj, kiuj ĝis nun pli okupiĝis pri informado, kaj la junulara sekcio, por bone organizi kaj reguligi la informan laboron, sed neniu decido estis ankoraŭ prenita inter la diversaj ideoj.

2— Likvido de Libroservo: Luis Hernández prezentis la spezkonton 2001, kun jarfina favora saldo de 2.465'41 EUR. Kiam ili kompletigos la sendadon de la libroj al Luis Serrano, la restanta saldo transiros al la konto de HEF.

3— Buĝeto de HEF por 2002: Kompare al la jaro 2001, malaperas la elspezo pri Expolingua (ĉ. 2.100 EUR); aperas nova elspezo pri interreto (ĉ. 638 EUR, vidu 8an

punkton); malaperas, ĉar finiĝis, la amortizado de aparataro kaj meblaro; notinde kreskas la elspezo pri poŝto, pro la altiĝo de la prezoj; kaj aperas eksterordinara enspezo pro likvido de la libroservo (ĉ. 2.100 EUR).

4— Ĉefdelegito de UEA en Hispanio: Ĉiuj landaj asocioj aliĝintaj al UEA estis petataj (re)proponi la homon kiu oficu kiel ĉefdelegito por la periodo 2002-2004. Tial ke Augusto Casquero deziras ĉesi, HEF proponos unuavice la plenumadon de la servo al s-ro Fernando Moral.

5— Hispana Kongreso 2002: Ĝi okazos la 6an kaj 7an de julio en Alicante, organizata de Augusto Casquero. Ŝajnas probable ke la kongresanoj ne devos pagi kotizon.

6— Hispana Kongreso 2003: Kiel decidite, ĝi okazos en Valencio, pro la jubileo de la Valencia E-movado. Oni esploros la eblon okazigi ĝin kune kun tiujara Eŭropa Kongreso.

7— Granda Vortaro de Fernando de Diego: Ni disponas jam kelkajn buĝetojn por eldoni ĝin. La malplej alta por 1.000 ekzempleroj kostus 13.250 EUR. Augusto plu serĉadas financadon.

8— Renovigaj aranĝoj en la oficejo: Unuafoje en dek jaroj oni purigis la fenestrojn. Oni instalis elektran linearon kiu ebligas konekti tri pliajn komputilojn (eĉ porteblan, se necese). Por revigligi la aktivadon de la oficuloj kaj liberigi la telefonan linion, la Prezidanto, Miguel Ángel Sancho, proponis prove kontrakti lineon ADSL dum unu jaro. Tio kostos ĉ. 638 EUR. Tial li enketos ĉe eventuala mecenato. Oni aprobis la proponon.




Petoj kaj demandoj.

La junulara sekcio, kiu pretigas internacian renkontiĝon en Salamanca, petas de HEF ioman subvencion por tiu aranĝo. Ni decidas ke, por la kazo ke la aranĝo rezultos deficita, eksterordinare HEF alportu ioman helpon.

*La Prezidanto Miguel Ángel Sancho*

*la Sekretario Manolo Parra*

**Kovrilo**: La nelacigebla eksredaktisto de Boletín, Antonio Marco, lanĉis novan libron pri historio de la hispana movado.

Ĉiam menciu ĝin

www.esperanto-es.net



# Fundación Esperanto

La pasintan 24an de januaro okazis en Zaragozo renkontiĝo de la Patronaro de la Fondaĵo Esperanto. Oni aljuĝis la subvenciojn ene de la programoj kiuj estis niaj agad-planoj dum la jaro 2001. Tiel, oni decidis jenon:

* Programo por helpi la partoprenon de la E-Movado en foiroj kaj ekspozicioj:

Oni decidis doni al la Grupo E.S.T.O. de Tenerife 200 eŭrojn pro ĝia partopreno en la Foiro de la Libro de Sta. Cruz de Tenerife.

## CO de HEF

Memoru la nova deĵorhoraro en la oficejo de HEF (Rodríguez San Pedro 13-3º-7): Lunde kaj ĵaude matene de 09:00 ĝis 13:00, kaj vespere de 18:00 ĝis 20:30. Ekster tiu horaro funkcias kiel kutime la aŭtomata respondilo kaj la faksilo (91-446-80-79). Kompreneble, ĉiam eblas kontakti pere de e-poŝto:

admin@esperanto-es.net

Same ricevos subvencion de 200 eŭroj Astura Esperanto-Asocio pro ĝia partopreno en la Foiro de la Lingvoj de Gijon.

Fine, ene de ĉi tiu programo oni donos 200 eŭrojn al Hispana Esperanto-Federacio pro ĝia partopreno en Expolingua, foiro de la lingvoj okazita en Madrido.

* Programo por helpi la eldonado de libroj en aŭ pri Esperanto en Hispanio:

Oni donos 300 eŭrojn al Madrida Esperanto-Liceo pro la reeldonado de la libro "Nuevo Método de Esperanto" de Fernando de Diego.

Same, oni donos aliajn 300 eŭrojn al Valencia Esperanto-Federacio pro la eldonado de la libro "Esperanto en Valencia Komunumo" verkita de Antonio Marco Botella.

* Programo por helpi la organizadon de kursoj en hispanaj universitatoj:

La grupo E.S.T.O. de Tenerife ricevos 400 eŭrojn pro la organizado de kurso de Esperanto en la Fakultato pri Filologio de la Universitato de La Laguna, kun akademia valoro de 3 kreditoj.

La Grupo Esperantista de Bilbao ricevos 400 eŭrojn pro la organizado de kurso de Esperanto en la Porinstrua Universitata Lernejo de la Baska Universitato kun akademia valoro de 4'5 kreditoj.

Fine, Kultura Asocio Esperantista de Sabadell (Barcelono) ricevos 400 eŭrojn pro la organizado de kurso de Esperanto en la Universitat Autonoma de Barcelona kun akademia valoro de 3 kreditoj.

Ni gratulas ĉiujn subvenciitojn kaj dankas ilin pro ilia nelacigebla laboro favore al la disvastigo de Esperanto en nia ŝtato.

Se paroli pri niaj ontaj agadoj dum la jaro 2002, ni diskonigos ilin al ĉiuj hispanaj grupoj kaj ankaŭ pere de la venonta numero de Boletín. Bedaŭrinde la nuntempaj malfavora ekonomia situacio provokis ke niaj investoj dum la jaro 2001 ne tro multe produktis, tial do la kvanto da mono disponebla en la kuranta jaro 2002 estos tre malalta. Komprenèble, ni alvokas la sindonemon de la hispana esperantistaro, kies necesa mon-apogo daŭre permesos al Fondaĵo Esperanto plu subteni kaj firmigi la Esperanto-movadon.

Niaj banko-kontoj estas tute malfermitaj al via helpo, jen ili:

Iber-Caja 2085-0101-13-286247-62

La Caixa 2100-2149-31-0100165085

José María Rodríguez Hernández, Patrono-Direktoro de la Fondaĵo Esperanto

fundacion_esperanto@hotmail.com

esperanto14@supercable.es

# Pri nia historio

Ĵus aperis "Esperanto en la Valencia Komunumo" de Antonio Marco Botella, 200-paĝa volumo, en kiu la antaŭa ĉefredaktisto de Boletín rakontas, kun abundaj detaloj, la historion de la movado en la Valencia Komunumo, ekde la apero de Esperanto, ĝis la jaro 2000.

La libro proponas multe da informadoj, biografiaj notoj de esperantistoj, asocioj, ktp., kaj sendube temas pri nemalhavebla verko por tiuj interesitaj de la historio de nia lingvo.

Mendu ĝin (10 eŭroj) ĉe via kutima libroservo aŭ ĉe la E-Grupo de Valencio.

*Augusto Casquero*

# Kurioze

Editorial Sopena petis de HEF 50 ekzemplerojn de la vortaro Lexicón. Ĉu vere la "veterana" vortareto vendiĝas pli multe ekster la movadaj kanaloj de distribuado, aŭ ĉu Sopena simple sondas nian merkaton cele al nova reeldono?

*M. Zocato*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

Andaluzia Esperanto-Unuiĝo havas novan adreson: Armengual de la Mota, 33 - 4º D; 29007 Málaga; Rete: esperanto@navegalia.com



## Asturio

La asturaj esperantistoj kunvenis ĉi jare la 16an de decembro en Avilés por celebri la Zamenhof-tagon. La programo konsistis en alportado de floroj al la nova promenejo Esperanto, situanta en la parko Ferrera, frata kunmanĝo en tre konata restoracio, kaj prelego. La lokaj



ĵurnaloj bone informis pri ĉio, eĉ per fotoj.

*Mª Luisa Menendez*

## Ekstremaduro

* La 23an kaj 24an de novembro okazis en Mérida la Kongreso Lingvoj kaj Edukado, per kiu la Ekstremadura Registaro volis kontribui al la Eŭropa Jaro de la Lingvoj. Kvankam la ĉefaj temoj de la kongreso rilatis al la angla lingvo kaj al la novaj teknologioj, la organizantoj akceptis referaĵon —dum ili malakceptis aliajn— pri Esperanto, kies titolo estis "El esperanto y las lenguas internacionales".

La referaĵo, kiun prezentis la instruisto José María Salguero, sinteze prilumis

dum 15 minutoj la konceptojn de lingvo internacia kaj de artefarita lingvo, kaj aparte reliefigis la esencon de E-o kaj ties aktuala disvolviĝo. Pluraj ĉeestantoj montris sian intereson kaj emon pli profunde koni la lingvon.




La referaĵo aperis en la aktoj de la kongreso. (Sur la foto J.M. Salguero estas la unua dekstre)

* Inter la 6a kaj 9a de decembro, la kunordiga grupo de esperanto de CNT laboris en kampadejo El Pinajarro de Hervás (Cáceres). Partoprenis 15 homoj el tri regionaj organizoj. Tamen, pluraj aliaj homoj, kiuj ne povis ĉeesti, estis en kontakto kun la organizantoj. ĉe la organizado helpis la entrepreno de la kampadejo kaj la Fondaĵo Pio Sopena.

En la semajnfino oni povis ĝui du kursetojn, kunsidon kaj "bonan etoson". En la kunsido oni decidis, interalie, ke la Kunordiga Grupo estu peranto inter la novaj kaj veteranaj e-istoj de CNT, tamen tute aperta al ĉiaj simpatiantoj, uzi la "reton de kontaktoj" ĉe la internaj rilatoj de la kunordigantoj, uzi la ĵurnalon CNT kiel ĉefan perilon de ideoj, jen kastililingve jen esperante, kaj profiti la e-renkontiĝojn por antaŭenigi la rilatojn de la liberecanoj praktikante la lingvon, unue en la SAT kongreso de Alicante.

*Kani*

# Eŭskio / Vaskio

La sabaton 15an de decembro, kiel tradicie, ĉirkaŭ 20 homoj kunvenis en la E-sidejo de Bilbao. Mallonga enkonduko de nia samideano Santiago Martin okazigis diskutrondon pri "kabeismo"; post ĝi, ĉiuj partoprenantoj daŭrigis viglan interparoladon ĉirkaŭ tablo plenplena de diversaj manĝaĵoj alportitaj de ili mem. Ankaŭ ĉi jare ni havis gastojn: niaj geamikoj, el Santander, geedzoj Irina Grigorieva kaj Angel Garcia.

La 11an de februaro komenciĝos nova E-kurso ĉe la Vaska Universitato, gvidata de J. Miguel Garcia Iturrioz. Jam aliĝis 25 gejunuloj kaj klasoj etendiĝos ĝis la fino de majo. Same kiel pasintjare, temas pri oficiala studobjekto, kun valoro de 4,5 kreditoj (t.e., 45 horoj) kaj jena titolo: "Planlingvoj: Esperanto".

Dum la lastaj semajnoj vizitis nin Lourdes Martinez, knabino naskiĝinta en Bilbao, sed loĝinta en diversaj landoj. Ŝi lernis Esperanton en Japanio kaj nuntempe laboras en Heidelberg (Germanio), ĉe biblioteko de la tiea universitato. Ŝia interesa kaj plensperta parolado vere ravis nin. Ankaŭ revenis al Bilbao japana amikino Ecuko Nakazawa, kiu nun-

tempe partoprenas kurson pri la hispana en Salamanca.

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

# Kanariaj Insuloj

Esperanto Societo de Tenerife ricevis bibliotekan subvencion laŭ valoro je 100 euroj en libroj, el la Biblioteka Apogo Roma kaj fondaĵo Poul Thorsen.

# Kastilio-Leono

* Sub la titolo "Simpla, logika, neŭtrala" (tiel!), en la ĵurnalo *Diario de Valladolid*, kiu oni vendas en ĉi kastilia urbo kune kun la tutnacia ĵurnalo *El mundo*, la 15an de januaro, en la sekcio "*Vallisoletanos de perfil*" (valadolidanoj profile), aperis ampleksa raporto pri Esperanto surbaze de intervjuo farita al nia samideanino kaj HEF-membro Rafaela Urueña. La originala teksto estas ilustrita per granda kolorfoto de la iama Prezidantino de HEF apud diversaj e-revuoj.

*L. Hernández*

* De la 11a ĝis la 17a de julio okazos HoRo, Hispana Renkontiĝo, organizita de HEJS en *Salamanca*.

# Kantabrio

Invitita de la loka grupo de CNT, Miguel Gutiérrez prelegis en la kulturdomo de Torrelavega, dua plej granda urbo de la regiono. Je la fino, la ĉeestantoj longe pridemandis la preleginton pri plej diversaj temoj rilate al la lingvo kaj al ĝia kulturo. Cetere, Kantabra E-Asocio profitis la okazon por elmontri etan specimenaron de libroj kaj diskoj, kaj vendi plurajn lernolibrojn.

*MZD*

# Katalunio

* Kunorganizita de la Grupo Aŭroro, KAE, HEFA, BEC kaj la grupoj de Terrasa, San Cugat, Hospitalet, Premiá, Mollet kaj Ĉiam Antaŭen, la 16an de decembro okazis la Zamenhof-festo en la sidejo de la grupo Aŭroro.





Zamenhof-tago en Katalunio

Deklamis poemojn Rikardo S. Güell, kaj Luis Serrano prelegis pri "La Eŭropa Unio, nia nova lando". Kelkaj el lia asertoj generis interesan kolokvon, ĉe kies fino oni povis gustumi bonajn trinkaĵojn kaj manĝaĵojn en gaja etoso. Laste, 30 partoprenintoj ĝuis fratecan kunmanĝadon en apuda restoracio.




* Jen supre la nova dezajno de la ĉampano (*cava*) Esperanto enboteligata de s-ro Anglada. La nova "kavao" aĉeteblas ĉe Estevan Anglada; Industria 32; Apartado 12; 08770 Sant Sadurni d'Anoia; BArcelona. Tel: 93-8910790.

* La 19an de januaro okazis la Ĝenerala Kunsido de KAE, kun parta renovigo de la Estraro.

* En la kadro de la tiel nomataj Babiladoj, la 20an de januaro okazis en la kultura centro *Frederic Mompou* de Castelldefels prezento de du videofilmoj: unu por infanoj, kaj la alia la muta filmo "La oro-kimero" de Charlot, tamen kun interesaj komentoj de s-ro S. Güell en Esperanto.



* Sur la foto la gekursanoj de BEC montras fiere sian legolibron "Esperanto en la 21a jarcento" por la nova kurso, verko eldonita de Korea E-Asocio, kunverkita de Lee Chon-Yeong, Giordano Moya kaj 9 aliaj kontribuantoj. Maldekstre, la prezidanto de BEC, Salvador Aragay.

* La 17an de Februaro, la Babilado okazis en la kulturdomo *Conex* de *Premiá de Mar.* La temo estis "La hispanaj informaj medioj".

* KAE daŭre agadas en la instrua kampo: prof. Ramón Manau gvidas kurson en Sabadell, prof. Ernest Roca instruas en Terrasa, prof. Martí Guerrero en Llobregat dum pluraj lernantoj elektis la eblecon lerni pere de la koresponda kurso. La katalunlingvan kurson gvidas prof. Santiago Torné, kaj la hispanlingvan kurson gvidas prof. Luis Serrano.

* La 11an de decembro, en aŭlo de la Aŭtonoma Universitato de Barcelono, kontentige finiĝis la 30-hora kurso de Esperanto, kiu, organizita de KAE, daŭris 3 monatojn kun la partopreno de 24 gelernantoj, kiuj kompense ricevis tri kreditojn. La informa kampanjo por aki-



ro de lernantoj konsistis en la distribuado de 300 grandaj afiŝoj kaj 6.500 flugfolioj. Sur la foto aperas gelernantoj kune kun la profesoro s-ro Martín Guerrero kaj la Prezidanto de KAE José M. Galofré.

* La 10an de januaro *La Vanguardia*, ĵurnalo de Katalunio, aperigis artikolon pri euro kaj komuna europa lingvo (*Tras el euro, ¿Una lengua común?*), kun kelkaj aludoj al Esperanto. Ankaŭ aperis la reago sendita de Manuel Pancorbo al tiu artikolo.

* La 31an de januaro *El Periódico*, sur la 10a paĝo, publikigis leteron de Josep Ferrer ManyÓ el Barcelono, pri Esperanto.

* *El Periodico*, gazeto de Barcelono, publikigis (2002.01.06) mallongan opiniartikolon de Luz Vazquez kun titolo "Promoure l'esperanto" (Stimuli la konon de Esperanto).

*El pluraj fontoj*

# Madrido

* La 23an de januaro Juan del Castillo prelegis pri "Esperanto, fenómeno de la comunicación" (La fenomeno Esperanto) en *Núñez de Balboa*.

* La 24an de januaro sukcese prelegis Toño del Barrio en la Popola Universitato de Alcorcón. Favore impresis la publikon la simplaj reguloj de nia gramatiko kaj la ekzisto de libroj kaj diskoj en Esperanto, inkluzive de rokmuziko. Pluraj ĉeestantoj plenumis formularon antaŭvide al eventuala E-kurso en la Popola Universitato.

*Darío Rodríguez*



Zamenhof-tago en Madrido

* La 26an de januaro, en Hotel Puerta de Toledo je la 14,00 horo, oni festis la Zamenhofan Tagon kun partopreno de 76 gesamideanoj (pluraj alvenintaj el Valadolido, Valencio, kaj eĉ unu el ĉeĥio). La etoso estis tre agrabla, kaj fine de la tagmanĝo la esperantista koruso "Verda Stelo", gvidata de Pedro Vilarroig kaj Laura Carballo regalis la ĉeestantojn per bukedo da belegaj kantoj.

* Okaze de prezento de Esperanto fare de Aníbal Rodríguez en kultura babilado en la Universitato "Carlos III", 12

homoj petegis ĉeestan kurson. Oni serĉas konvenan instruiston kaj nur estas certa la loko: iu aulo aŭ salono en la dirita universitato.

*M. Parra*

* Bazan kurson instruas, merkrede en la vespero, Toni Cebrián en "Escuela Popular de Prosperidad", kaj Marco Trevisán en la Aŭtonoma Universitato, lunde kaj merkrede.

* Dankeal Jorge Magdaleno, la retaliro de la biblioteko de "Fundación Ortega y Gasset" estas rete ligita al la HEF-Biblioteko: <www.ortegaygasset.edu/Biblioteca/Enlaces.htm#directorios>.

# Valencio

La 15an de decembro kiel ĉiujare, la valencia esperantistaro celebris la datrevenon de la naskiĝo de la iniciatinto de Esperanto, la aranĝo okazis en Cheste. Inter la programeroj estis metado de laŭrkrono sur la memortabulon ĉe Strato Zamenhof, salutvortoj de la E-reprezentantoj, kaj Oficiala Bankedo.

* Okazas E-kursoj en la sidejo de la E-Grupo lunde je la 19.00 horo, kaj merkrede je la 17.00 horo en *Centro Reina Doña Germana*.

* Daŭre aŭskulteblas E-programon en Radio Klara (frekvenco 104.4, FM, vendrede de 20:30 ĝis 21:00).

* La ĉi jara kongreso de Valencia E-Federacio kaj Murcio okazos la 18an kaj 19an de majo en *Vall d'Uxo* (*Castellón*). Estas programita vizito al la fama Groto de San José, la plej longa en Eŭropo vizitebla per boato, kaj, kompreneble, giganta paelo.





Zamenhof-tago en Valencio

* La nova retadreso de Grupo Esperanto de Valencia estas: <grupoesperantov@telepolis.com>

* Jam eblas konsulti informojn pri 75a Internacia Kongreso de SAT okazonta, inter la 1a kaj 7a de julio 2002, en

Alicante. <www.multimania.com/satesperanto/kongresoj/kongreso2002/Alicante2002.html>

* La 61a Hispana Esperanto-Kongreso okazos en Alicante, la 6an kaj 7an de julio 2002.

## E-revuoj en Hispanio

En 2001 aperis en nia lando, pli mal pli regule, jenaj revuoj, bultenoj, informiloj aŭ flugfolioj eldonitaj de e-grupoj: Nia ponto (Esperanto-Grupo de Bilbao), Internaciisto (Kolektivo Esperantista Komunista), Kajeroj el la Sudo (Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj), Heleco (Astura Esperanto Asocio), KAE (Kultura Asocio Esperantista), Fido kaj Espero (E-grupo de Valladolid), Katolika Esperantisto (Katolika esperantisto Hispana Asocio), Bulteno de Majorka Esperantistaro, Nia Voĉo (Madrida Esperanto-Liceo), Kataluna Esperantisto (Kataluna Esperanto Asocio), Antaŭen (Avilesa Esperanto-Grupo), Ĝenerala Informilo (Barcelona Esperanto Centro), Monate ĉe vi (Andaluzia Esperanto Unuiĝo), Libera trako (Hispana Esperanta Fervojista Asocio) kaj Boletín (Hispana Esperanto Federacio). Ĉu mankas iu alia?

*El Nia Voĉo*

**Libroservo**

Font Nova 32, 08202 Sabadell
luis_serrano@e-milio.com
tel: 937-275-021
Konto ĉe "Banco Sabadell":
0081-0900-82-0006712480.

## Eĥo el iamo

Samideano ĵus ricevis helpopeton de la respondeculoj de la Arĥivo Emilio Herrera: ili bezonas klasifiki faskon da dokumentoj en Esperanto.

La arĥivo estis kreita omaĝe al la generalo Emilio Herrera, pioniro de la hispana aviado, demokrato kaj fondinto, interalie, de la Altlernejo pri Aeronaŭtiko, kie nun troviĝas lia postmorta arĥivo. Li lernis esperanton en la dudekaj jaroj, kaj konservis kelkajn dokumentojn, kiuj nun troviĝas, ankoraŭ ne katalogitaj, en la citita arĥivo.

Mi proponis mian helpon, kaj ili transdonos kopion, por klasifikado. Probable estonte aperos kopio en la retejo de la organizo.

La respondeculoj de la arkivo parolis al mi pri la ebleco aperigi artikolon pri la klasifika laboro en faka gazeto, kiun ili eldonas. Tial, se iu havas ajnan informon pri Emilio Herrera, bv. sciigi min sendante leteron al la redaktejo de Boletín.

*Tonyo del Barrio*

# Biblioteko Juan Régulo

## Librodonacoj

* David Galadí donacis por la biblioteko ekzempleron de "La kosmo kaj ni", kunverkita de li kaj Amri Wandel kaj eldonita de Fundación Esperanto kaj Flandra E-Ligo en 2001.

* Manolo Parra donacis ekzempleron de "La laŭta vekhorloĝo" de Stefan MacGill. Hungara Esperanto-Asocio. Budapest, 1988.

* Pere Juliá, kiu laboras ĉe "*Consejo Superior de Investigaciones Científicas*" de *Universitat de les Illes Balears*, kiel kunverkinto donacis: "Esperanto, Interlinguistics, and Planned Language". (*Papers on the Center for Research and Documentation on World Language Problems - 5*). D. Blanke, P. Juliá kaj aliaj. Edited by Humphrey Tonkin. University Press of America, 1997.

*Ana Manero*

**25-jara!**

Antaŭ 25 jaroj aperis
la esperanta eldonó
de Don Quijote.
Gratulon al Fundación Esperanto




* **Baza esperanta radikaro** Wouter F. Pilger. Rotterdam: UEA 2001. 160 p. ISBN 929017076 X. 18 cm. Bona unua vortaro por studento de Esperanto. Pli ol 2700 radikoj klarigitaj per oftaj kaj kutimaj vortoj kun indiko pri iliaj ofteco kaj utileco.

* **Maskerado ĉirkaŭ la morto** Nazimondo en Hungario (1965). Tivadar Soros (1894-1968). Redakto kaj komentario de H. Tonkin. Rotterdam: UEA, 2001 (2a eld.). 318 p. ISBN 92 9017 073 5. 21 cm. Rememoroj de la aŭtoro pri la holokaŭsto en Budapeŝto.

* **La libro de la mirindaĵoj** Marko Polo (1225-1324). Tradukis Daniel Moirand. Rotterdam: UEA 2001. 445 p. ISBN 92 9017 075 1. 21 cm. Ilus. Serio "Oriento-Okcidento", n-ro 34. La sperto de Marko Polo kiam antaŭ 700 jaroj li vojaĝis de Zanzibaro ĝis Ĉinio.

Kiel sciate, ĉiu nova volumon alveninta al la redaktejo de Boletín aŭtomate iras al la Biblioteko Juan Régulo.

Cetere, ĉiu libro aŭ disko sendita en du ekzempleroj rajtas apartan recenzon.




* Ĉiuj, kiujn naskiĝis post 31.12.1981 ne pagos aliĝkotizon por la UK-2002 okazonta en Fortalezo (Brazilo)! Oni jam antaŭvidas ke ĉi Universalan Kongreson partoprenos granda kvanto da gejunuloj, tial do oni karavanos al ĝi de la Internacia Junulara Kongreso okazonta en Pato Branko.

*Molina Milanez*

* La servilo de la Tria Roma Universitato proponas interesan paĝaron: "Kvazau-lernejo Tibor Sekelj". La klarigoj estas en Esperanto, kaj pluraj aliaj lingvoj, inkluzive de la hispana kaj la kataluna. Ĝi estas vere alloga kaj aparte rekomendinda al instruistoj. Lastatempe aldoniĝis la fako "Proverbejoj": http://lps.uniroma3.it/kler

* Post la sukceso en 2001, Euroscola (rolludo por gimnazianoj ĉe la Europa Parlamento) certe okazos ankaŭ en Esperanto en 2002. Estas interkonsento pri du datoj: la 19a de marto kaj la 17a de aprilo, kun po 35 esperantlingvaj gelernantoj. Ankoraŭ restas iom da liberaj lokoj, sed urĝas anonci sin al Xavier DEWIDEHEM <xavy.fr@caramail.com>, respondeculo pri la retejo E-euroscola <http://e.euroscola.free.fr>.

* La retejo de Sveda E-Federacio povis registri pli ol unu milionon (1.037.966) da vizitoj dum 2001. Tio estas la plej alta kvanto depost la eknombrado en februaro 1996.

*Franko Luin*

* Aperis Angla Esperanta Medicina Terminaro de Yamazoe Saburoo. La verko estas 720-paga kun pli ol 28.000 anglaj medicinaj terminoj kun ilia traduko al Esperanto. La libro mencias, ĉu la vorto estas PIV-a sed, kompreneble, listigas milojn da vortoj kiuj ankoraŭ ne ekzistas en PIV. La aŭtoro estas doktoro pri medicino kaj pri biokemio. Eldonis la verkon Umea Shinoda Kuracejo en Kraków, Pollando.

* La retkatalogo "Trovanto" (Internacia Esperanto-Muzeo) kreskis en unu monato denove je mil rikordoj. Nun ĝi jam atingis 25000 rikordojn, tio estas 80 elcento el la muzea havaĵo.

Vizitu ĝin ĉe: www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm

*H. Farukuoye*




* La retpaĝo de Biciklista Esperantista Movado Internacia, BEMI, sporta faka asocio de TEJO, troviĝas ĉe http://purl.org/net/bemi. Tie haveblas informoj pri ĝiaj venontaj biciklaj karavanoj. Krome tie troviĝas bicikla vortareto en 8 lingvoj, inkluzive de E-o.

*Zav'*

* eLibrejo <http://esperanto.nu/eLibrejo> proponas en Intereto entute 167 verkojn kun plej diversaj enhavoj. Ĉiuj e-libroj estas senpage akireblaj. Tio estas oni povas kapti ekzempleron de la libro kaj enporti ĝin en sian komputilon por posta legado. La aspekto de ĉiu volumo estas tre bela, foje kun koloraj desegnoj, kaj oni povas konservi ĉiujn librojn kune en eta k-disko!

Franko Luin, kiu prizorgas la servon, raportis la 13an de decembro 2001, ke ekde la 13a de junio oni senpage akiris 18000 elektronikajn librojn. "La eta princo" de Antoine de Saint-Exupéry estas la plej populara, sekvata de "Esprimo de sentoj en Esperanto" de Edmond Privat kaj pluraj libroj tradukitaj aŭ verkitaj de L.L. Zamenhof.

Post tio ĉi, kiu kuraĝas aserti ke la esperantistojn ne interesas la libroj?

*M. Zocato*



Monumento omaĝe al Amnestio Internacia en Santander

* Danke al Vincent Charlot, ekde nun eblas legi aktualajn komunikojn de Amnestio Internacia ankaŭ en Esperanto. La tekstoj estas libere uzeblaj, kaj oni rajtas aperigi ilin en siaj respektivaj revuoj aŭ informiloj. Oni povas trovi la koncernan materialon ĉe la adreso: <http://users.skynet.be/bs939002/amestio.html>

*Jakvo Schram*

# UEA




La estraro de UEA nomumis s-ron Trevor Steele Aganta Ĝenerala Direktoro por la jaro 2002a.

William Trevor Steele naskiĝis la 14an de majo de 1940 en Mareeba, Aŭstralio, kaj havas aŭstralian naciecon. Li estas vaste konata kiel instruisto en pluraj landoj kaj sukcesa verkisto. Li decidis akcepti la defion restarigi kunlaboran etoson en UEA kaj pli ĝenerale en la movado. Lia personeco kaj entuziasmo por la nova tasko estas sufiĉaj garantioj pri lia sukceso, pro kio la estraro formulas multajn bondezirojn kaj petas la esperantistojn, membrojn kaj nemembrojn, kunlabori kun li.

Li jam oficas en Roterdamo ekde la 1an de januaro 2002a.

Cetere, la estraro nomumis redaktoro de la revuo "Esperanto" de UEA por la jarkolekto 2002a Stano Marĉek el Slovakujo. Stano, 48-jara, havas longan historion de redaktado de pluraj revuon landaj kaj internaciaj. Li estas konata ankaŭ kiel aktivulo en pluraj kampoj de la movado (fondo de la junulara sekcio, instruado ktp.). Li redaktis jam la 1an numeron de la jarkolekto 2002a.

Ambaŭ nomumoj estas por la transira jaro 2002a, dum kiu la Oficeja Komisiono de UEA pluserĉos kandidatojn por pli longtempaj kontraktoj por ambaŭ postenoj. Kompreneble kaj Trevor kaj Stano estos inter la kandidatoj por tiuj kontraktoj.

Fermiĝas per tio la unua fazo de la laboro de la Oficeja Komisiono, kiu jam komencis okupiĝi pri aliaj bazaj problemoj: reorganizado de la komputila sistemo de UEA kaj helpo al malfermo de la "komunikad-centro" de EEU en Bruselo, dum daŭras konstanta provo reharmoniigi la funkciadon de la Asocio.

*La estraro de UEA*

## Komunikada centro en Bruselo

Baldaŭ en Bruselo aperos Komunikada Centro, kiun intencas starigi Eŭropa Esperanto-Unio (www.lingvo.org) kunlabore kun kelkaj eŭropaj E-asocioj. Ĝi

# Esperanta Televido

La Sekretario de ERA, Esperanto Radikala Asocio, Giorgio Pagano prezentis pasintjare, al kelkaj partoprenantoj de IJF 2001 en Bolsena (Italio), iniciaton pri la eblecoj starigi "E-Tv", t.e. informan programon en televida formo, dissendota per interreta TTT.

Nun, ankoraŭ en tiu kadro, ERA dissendas alvokon al ĉiuj esperantistoj kiuj intencus kunlabori, precipe tiuj kiuj havas iom da kompetenteco (ankaŭ nur hobian) pri televido, kameraoj, informado aŭ simile. Do, ankaŭ al reĝisoroj, aktoroj, redaktoroj, aŭ, ĉiukaze, al interesitoj. Tiuj personoj povas sendi mesaĝon al <esperantoradikalaasocio@esperantio.org>.

Eblas akiri kelkajn informoj en TTT-ejo: www.esperanto.tv, kie oni povas aŭskulti (bedaŭrinde nur itallingve) parton de la debato de tiu renkonto en Bolsena.

*Esperanto Radikala Asocio*

situos plej proksime al eŭropaj instancoj, fondaĵoj, miloj da diverslandaj ĵurnalistoj kaj internaciaj neregistaraj organizoj.

La celo de la Centro estos profesinivele informi la eŭropajn kaj ankaŭ tutmondajn amaskomunikilojn pri la lingvaj problemoj, faktoj de lingva diskriminacio, proponante sekve de tio informojn pri la ekzistanta solvo prezentata de Esperanto.

La motoro de la ideo kaj la ĉefa laborforto en la komenca stadio estos brusela ĵurnalisto David Ferguson, kimrodevena irlandano, bone orientiĝanta en la brusela Babelo.

Dum la ĵus okazinta kunsido de la Estraro de UEA estis akceptita decido provizi la Centron per garantia sumo de 19 mil eŭroj, tiel ebligante ĝian baldaŭan ekfunkcion. Tio estas granda parto de la antaŭvidata ĉi-jara buĝeto, la ceterajn rimedojn devos kontribui Eŭropa E-Unio, Flandra E-Ligo, Esperanto Nederland kaj aliaj kunlaborantaj asocioj.

*C O*

# Gvidlinioj por informado

## Celoj

** Konsciigi la publikon pri la problemoj en la nuna internacia lingva ordo.*

Ĉia informado pri Esperanto estas senperspektiva, se la celgrupo ne konscias pri la ekzisto de lingva neegaleco kaj la nedemokratieco de la nuna internacia lingva ordo. La unua celo de la informado devas sekve esti ke la ĝenerala publiko malkovru la fundamentan nedemokratiecon de komunika sistemo, kiu tutvive privilegias iujn sed postulas de aliaj jarojn da penoj por atingi tamen malperfektan lingvoscion. En la strebado estigi diskuton pri lingva egaleco kaj lingvaj rajtoj troveblas multaj potencialaj aliancanoj kun similaj celoj. Ekzistas multaj sciencaj verkoj pri la efikoj de lingva neegaleco je tutmonda, loka kaj individua niveloj. Indas, ke respondeculoj pri informado bone trastudu la temon. Por ŝanĝi la realaĵojn necesas unue ĝisfunde ekkoni ilin.

** Konsciigi la publikon pri la ekzisto kaj funkciado de Esperanto.*

Esperanto estas unika fenomeno, kaj antaŭ ĉio necesas ke la esperantistoj mem plene konsciu pri tio. Ĉiu esperantisto povas rakonti pri personaj spertoj kiuj ofte estas tute neimageblaj al eksteruloj. Konkretaj spertoj kaj veraj homoj el foraj landoj estas la plej konvinka rimedo por atentigi la publikon pri la ekzisto de tiu fenomeno. Gravas ja ke la informado ne estu tro abstrakta: imponi povas personaj riĉiĝoj pere de Esperanto, emociaj kaj intelektaj. Informado pri Esperanto devas unuavice esti ĝuste informado, ne propagando.

En informado ĉefan rolon havu veraj informoj, ne sloganoj ("Lingvo de paco kaj amikeco", "ĉies dua lingvo" ktp.). Ne ĉiu volas lerni Esperanton, sed multo estas atingita, se oni sukcesas konsciigi pli vastan publikon pri tio ke Esperanto estas vera vivanta lingvo kun parolkomunumo kiu ampleksas la tutan mondon, lingvokomunumo en kiu ĉiu ano povas senti sin plenrajta membro. Jam tio estas revelacio por la plej multaj homoj. Por efike informi pri la ekzisto kaj funkciado de Esperanto necesas ke la esperantistoj mem pli profunde konu la fenomenon Esperanto, kaj sekve pli kuraĝe argumentu kontraŭ eraraj prezentoj.

** Proponi Esperanton kiel solvon en konkretaj situacioj.*

Nur post kiam la unuaj du celoj estas almenaŭ parte atingitaj, eblas serioze proponi uzon de Esperanto kiel solvon en iuj konkretaj situacioj. Necesas ĉiam

konscii ke Esperanto ne estas magia bastoneto, kiu per unu frapo povus forigi ĉiujn problemojn de lingva neegaleco. Antau ol proponi Esperanton en konkreta situacio, necesas ĝisfunde pripensi, kiun precizan rolon Esperanto povus havi, kiaj estus la avantaĝoj kaj malavantaĝoj, kaj kiaj estos la argumentoj de la kontrauuloj. Sed en kazoj kie la avantaĝoj estas klaraj kaj la kontrauargumentoj facile refuteblaj, oni kuraĝe faru sian proponon, au se eble, simple ekuzu Esperanton.

* *Kuraĝigi al lernado de Esperanto.*

Lerni Esperanton volos unuavice homoj kiuj konscias pri la problemoj en la nuntempa internacia lingva ordo au sentas sin altirataj de la tutmonda egaleca lingvokomunumo de la Esperanto-parolantoj. Sekve la plej bona maniero varbi kursanojn estas konsciigi la publikon pri la ekzisto de lingva neegaleco kaj pri la ekzisto de tutmonda, egalece funkcianta lingvokomunumo, en kiu ĉiuj bonvenas. Malmultaj deziros eklerni Esperanton nur pro tio ke ĝi estas relative facila lingvo. Ne la gramatikaj detaloj sed la fakto ke ĉiu povas igi Esperanton sia propra lingvo, igas ĝin unika kaj lerninda.

## Rimedoj

*Je la nivelo de UEA*

Unuavicaj celgrupoj: Landaj Asocioj de UEA; internacie agantaj, influ-kapablaj organizaĵoj kaj individuoj kiuj jam interesiĝas pri lingvaj rajtoj, organizaĵoj kaj medioj kie aktualiĝas demandoj pri egaleca komunikado; la informita ĝenerala publiko tutmonde, sed aparte en landoj, kie ne ekzistas organizita Esperanto-movado.




Taskoj: Gvidado de la informa agado je landa nivelo; kontaktoj kun internaciaj organizaĵoj kaj laueble informado rekte al la monda publiko; ĝenerala informado en regionoj sen organizita movado.

Por subteni la informan agadon je landa nivelo la Informa Fako de UEA strebu regule disponigi al la Landaj Asocioj gazetarajn komunikojn kaj pretajn modelajn artikolojn facile tradukeblajn kaj adapteblajn al lokaj cirkonstancoj. UEA ankau strebu disponigi en siaj Interretaj paĝoj koncizajn respondojn al oftaj demandoj pri Esperanto kaj kolekton de modelaj informiloj diverslingvaj.

Ĉe internaciaj organizaĵoj UEA unuavice flegu la rilatojn, informu pri la esperantista agado kiu konformas kun la celoj de la koncernaj organizaĵoj kaj tiel montru la utilon de pluaj kaj pliaj kontaktoj por ambau partioj. UEA ankau laueble strebu konsciigi respondeculojn de la organizaĵoj pri la problemoj en la nuna internacia lingva ordo, sed tiuj stre-

badoj ne malutilu al la bonaj rilatoj kun la koncernaj organizaĵoj.

UEA aktive serĉu kontakton kun medioj kie oni diskutas problemojn rilatajn al lingva egaleco kaj tutmonda komunikado, kaj senpasie informu pri la ekzisto kaj funkciado de Esperanto.

*Je la nivelo de landaj asocioj*

Unuavicaj celgrupoj: Lokaj grupoj kaj individuaj membroj de la Asocio; landnivele au internacie agantaj, influ-kapablaj organizaĵoj kaj individuoj kiuj jam interesiĝas pri lingvaj rajtoj; naciaj au lokaj organizaĵoj kaj medioj kie aktualiĝas demandoj pri egaleca komunikado; ĵurnalistoj de tutlandaj amaskomunikiloj kaj la ĝenerala informita publiko.

Taskoj: La ĉefa respondeco pri informa laboro kuŜas ĉe la nacia nivelo.

La landa asocio provizu la lokajn grupojn kaj la individuajn membrojn per aktuala kaj profesie produktita inform-materialo, starigu rebat-servon kiu rapide reagu al eraraj prezentoj de Esperanto en tutlandaj kaj lokaj amaskomunikiloj, kaj ĝi aktive kontaktu organizaĵojn kaj individuojn kiuj povas interesiĝi pri egaleca tutmonda komunikado.

*Je loka kaj individua nivelo*

Unuavicaj celgrupoj: Lokaj organizaĵoj kaj individuoj kiuj interesiĝas pri lingvaj problemoj, ĵurnalistoj de lokaj amaskomunikiloj kaj la ĝenerala publiko.

Taskoj: Informado pri konkretaj aranĝoj, kontaktoj kun lokaj ĵurnalistoj.

La individuaj esperantistoj mem estu pli forte konvinkitaj pri la valoro de la fenomeno Esperanto, kaj ili havu sufiĉajn sciojn por kuraĝe kaj konvinke argumenti kontrau eraraj prezentoj. Pli gravas la kvalito ol la kvanto de la informado.

---

# Zamo

S-ro José María Navarro López, en Madrido, kreis komputilan lingvon aŭ kodon, kiu, laŭ li, avantaĝas al la nun uzataj por transsendi tekstojn per komputilo, kaj ankaŭ por aŭtomata tradukado. Ĝi estas farita surbaze de Esperanto, kaj li nomis ĝin Zamo.

Li vizitis HEF-on por konigi al ni sian laboron kaj ĉefe por konsulti, ĉu la esperantistoj prezentus ian obĵeton al lia projekto. Mi respondis, ke estas neniu problemo, tial ke li metas al sia kreaĵo propran nomon, kaj agnoskas ke li baziĝis sur Esperanto. Provizore li ne disponas ret-adreson, sed li donis al mi sian telefonnumeron. Se iu deziras kontakti lin, diru al mi: <admin@esperanto-es.net>.

La laboro estas preskaŭ finita, kaj nun li serĉas entreprenon kiu lanĉu la komputilan kodon Zamo.

*Manolo Parra*




Mi agnosku, ke mi daure sentas kontrau tiu t.n. "raumismo" fortan malplachon (kaj tio, malgrau la persona inklino kaj simpatio kiun mi egale daure sentas al iuj el la plej gravaj roluloj en tiu doktrino).

Kaj mi aldonu, ke tiu malplacho komencighis spontane, jam antau multaj jaroj, che la nura ekaudo pri tiaj aferoj, kaj ke ghi nur plifortighis kun la paso de la tempo kaj pro sporada pricerbumado mia.

Nu, mi ghis nun simple komprenis ke la chefa ingredienco de raumismo konsistas en decida emo al gettighado kun celo, volo kaj decido apartigi esperanton disde la gheneralaj vivo kaj socio al kiuj ghi apartenas kaj nepre apartenu, kaj ke la tuta artifika polemikado kiun ghi muntadas kontrau supozataj eraruloj (cetere, polemikado nur interne de raumismo mem) simple reduktighas al tio, chu por la getto-muroj pli taugas bazalto au granito.

Kaj jen, kadre de tia kompreno mia, mi jhus ricevis "specialan numeron" de Heroldo de Esperanto, kiu fakte estas nura tre ampleksa cirkulero venanta de raumistoj kaj/au de simpatiantoj, kun informo pri fondo de t.n. "Esperanta Civito" en kiu —plu lau mia kompreno— la gettighemo atingas kulminon, char por definitiva apartigo de esperanto disde la gheneralaj vivo kaj socio, oni shirmu la Civiton-getton ne nur per bazalto au granito, sed ankau per ia stranga sekteca ideologio... kaj oni strebu ke la tuta esperanto-uzantaro propravole kaj ghoje eniru la getton (!?).

Tial, jen spontane shprucas metaforo: Fakte, en chio chi neniel temas do pri ia "raumismo", sed pri ia "raupismo", celanta konstrui al si vanan kaj strangan ideologian shirmo-kokonon, kiu krome certe tre malutilas al mi kaj, lau mia kompreno, anke al esperanto, sekve anke al la gheneralа socio.

Tial, da raupismo mi volas neniom!

*Antonio Alonso Núñez*
<Nunjes@teleline.es>
La Coruña (Hispanio)

P.S.- Mi pensas, ke tiu mia opinio jam de longe estas definitiva. Tamen, mi certe plu cerbumos pri la afero —laueble sen antaujughoj— kaj tial allasas la eblon pri opini-shangho.

Noto: laŭ aparta peto de la aŭtoro, Boletín respektis lian uzon de la h-alfabeto, senarka "u", kaj la formon "anke" anstataŭ "ankaŭ".

Recenzo

# Ekstremoj

"Ekstremoj", de Miguel Fernández, Jorge Camacho, Gonçalo Neves, Liven Dek. Vieno: Internacia Esperanto-Muzeo. 1997. 207 p. ISBN 3-901752-10-2. N-ro 26 en la serio Originala Literaturo.

Kvar aŭtoroj amike kunludas. Elektas jenajn temojn: Malfidelo, Unua amora sperto, Aidoso, Amo trans morto, Seksa memkontentiĝo, Sinmortigo, Toleremo, Venĝo. Verkas po unu novelon pri ĉiu el la temoj. Invitas la legantojn al la regalo. Kaj, preferantoj de maksimumoaspire riĉa lingvo por ĉio (kaj ne de minimumoaspire asketa lingvo por ĉiuj), ili nuptas siajn temojn al la delica erotiko de vortaj gustumoj, kiujn surtabligas tia lingvaĵo. Ĉu jen ĉio?

Kompreneble ne. Superverŝe abundas tiaj surprizoj, per kiaj la homo vivas, kiel dirus Tolstojo, kaj vivas la novelo, kion li ne dirus. Ĉar spicas la ekziston viva ĝuste la surprizoj, se bonguste kuiritaj. Kaj ni longe lernis rajti atendi de ĉi tiu iberia kvaropo la kuirguston. Ne nur en, sed inter la noveloj en la aro, oni efektive gustumas la surprizon ĉiurande tra ĉi tiu edroriĉa libro.

Nu, estas tiel tantalige devi tion diri. Recenzanto ne povas tro nete aludi al la surprizoj, ĉu ne, sen ilin lego-detrue malkaŝi. Tamen, ĉu jen bona kialo por atendi du jarojn antaŭ ol recenzi? Por ke la recenza ago iĝu io alia, io ne efikonta sur la merkaton mem? Kvazaŭ tia sindistancigo disde la merkataj procezoj igus la recenzanton aspekti purgusta kaj ne simple pigra? Aŭ ĉu invitis longan mediton la kovrilo de la libro, kie la normaltipaj EKS kaj EMOJ ambaŭflankas la kursivajn "TR"? (Kovrilo de Miguel Gutiérrez Adúriz, nin informas la eksterverko.)

La evidenta disereco de la Esperantaj vortoj ja devigas al la analizemo ĉe tia kovrilo. Estas sencohavaj Eks kaj Emoj. Oni do laŭ siaj refleksoj

serĉas signifecon por la kursiva mezo "tr", kaj trafiĝas kontraŭ Tra, Tro, Tre. La intensoindikoj Tre kaj Tro inde apudnutras bildon de trao, de trafulmo, trapenetro drasta. Temu do pri eksaj emoj troaj, kiuj tre pelis al trairoj. Kun la memkomprenebla kromnuanco de eksaj tremoj. Kaj de emoj al ekstro. Tute simetria ludo. Ĝian guston konservas la digna, brida fakto, ke la lingvo ne disponigas radikon strem, kiu invitus al la konkurenca pado ek-strem.

Tian serĉadon pri ekstraj sencoj inspiras senso-stimulaj tekstoj. Malmultaj el la noveloj priinsistas klavojn eksplicite erotikajn. Sed la tuton trakuras subtila erotiko. Ĝia subtileco kondukas niajn pensojn, voje de la vortera konstruo de nia lingvo, al la... ero-tiko. La Esperanta konceptado pri la amaĵoj heredas la vorton Amaĵo mem, el la fundamentepoka preteco vidi en la seksaĵo la eksteran konkretiĝon de la amo. Ni heredas ankaŭ, el "La infana raso", la atentigon "Vi, juĝist' severa — saluton do, amiko! / Nin ambaŭ kreis iam la sama ingvenotiko!" Ĉu nun ni pretiĝas, fine, por pli ar-tika perspektivo pri la subtilaj trakuroj de la amo? Ĉu la recenzataj aŭtoroj tion signas per okupiĝo pri ekstremoj?

Treoj kaj trooj havas la gravegan rolon, ke ili vin difinas. Ĝuste tie, kie la vio cedas al la fremdeco de io ekstera, konturiĝas viaj limoj. Krizaj urĝoj vin identigas, fotante vin en karakterizaj pozoj. Homoj kutime ne faras siajn gravajn decidojn post trankvila atletiko de ies defendebla racio, sed alanhelas ilin en diversaj frenezoj kaj urĝosentoj. Kompreneble ili poste volonte tordas ĉies bildojn pri la racio por povi deklari sin raciaj decidintoj. Sed al tia volonto pelas ilin ĝuste vi, se vi juĝiste pridemandas ilin pri la rezono kondukinta ilin al tiaj agoj. Ne demandu, ĉu ne? "Patro," demandis la novinicito, "ĉu mi rajtas fumi en tiu ĉi monaĥejo?" "Ne, Frato." Post du tagoj, "Patro, por kiuj troviĝas tiuj cindrujoj?" "Por tiuj, kiuj ne ĉuas." Ne demandu do (ne ĉuu, sed nur ĉuru, he he, pardonu, tio estis

maltipe misgusta kaj ne reprezentas la nivelon de la recenzatoj). Ne devigu al mensogoj pri la racio tiujn kompatindulojn, kies emografio ne provizas galaksiajn racibuĝetojn, sed nur satelitajn.

Jes, la dependecoj estas reala konsistigo en nia vivo de racianoj. Ni ofte pretas nin sklavigi ne nur al aliulaj tikloj emociaj, sed al la supozo de saĝula racio disponebla al konsilpetantoj. Kiam ĉi tiuj noveloj majstre esploras la figuriĝojn de la dependemo, ili pentras nin plenkreskaj: nur per trarigardo tra viaj dependemoj vi forkreskas de ili ja. Ankaŭ la pasio, kiu nin pelas, invitas al memkonscio kiel pasianoj: eĉ la deziro plenkreski devas pasii al efektiva deziraĵo.




Se nia epoko ne donacus al ni vervajn Esperantajn pentrantojn de la pasio el la sudeŭropa paletro, ni ĉiuj bezonus el enuo krie insistadi, ke la japanoj longjarcente spektintaj — kaj kreintaj — delikatajn penikaĵojn donacu tuj al nia mondo malŝvebajn aperojn sur hantaj fonoj. (Mi ne kuraĝas proponi Esperantan aliron al "iki" kaj "ru" sen detala interloka scio.) Nun tiu projekto devos atendi. La sudeŭropa pasio antaŭis la perspektivan trankvilon. Kiam japanoj niaj prezentos al la monda paletro, revizie-originale, la mezepokan erotografion de la propra tradicio en Esperantaj vesto kaj senvesto, ili trovos sian reesprimiĝon tiuteman nature atentanta kaj retrorigardanta al tiuj ĉi etudoj de ekstremoj.

Per kio atutas la etudoj? Laŭ mi, per sia ar-tika fortostreĉo, kiu konstruas el la dekomence evidenta ero-tika bazo ion vere solidan. La tuta novelaro firme, pasie, arte solidarigas la leganton al jenaj homaj prioritatoj. La homoj deziras dece, kune, kaj kuneme ekzisti. Kaj tiu klare vida socia, ara deziro vive kaj logike antaŭas la momentojn, kiam blindaj hom-eroj efektivas deziri lokan pridorloton ie-tie. Se tiuj homeroj tamen poetas, ili do sukcesas resti ne senkontaktaj kun la epopea areco de la ĉiesaj deziroj. Poeti estas povi klare vidi. Kaj la pasioj escepte klarigas nin, malgraŭ la propagando pri ilia vida handikapeco.

Ĉi tiuj noveloj ofte kaj plurnivele kontraŭpunktas, ke ĝuste la juĝistaj moralismoj terure malklarigas nian vidon, kaj ke la komuna saĝo, kiam ajn oni ĝin sentendence aplikas, voĉdonas por la unuaj trafoj de la pasio — en ĉia perceptado, ne nur sur ia specifa tereno de amoro.

Tiu ĉi voĉdono estas empiriisma, se al ni gravas tiu David Hume, kiu emfazis la devon de la racio klarvide akcepti la ju-



gon de la pasioj. Sed en tiu ĉi ibera momento, la voĉo de la pasioj estas apriora kaj ne brite aposteriora. En la stilo, la ŝatata sudeŭropa apriorilo, oni la "amatinon vestas", por inviti al nia saĝumo ankaŭ la hungaran prabardon. Tiu apriora spertamo, kiu rigore votas akcepti la invitojn de la pasioj, donas escepte privilegian bazon al la estontaj esploroj de niaj prozistoj. En tiu ĉi jardeko, la literatura en nia komuna komunikilo definitive transpaŝis gravajn sojlojn, ne malpleje en tiu ĉi novelaro. Oni komencu demandi sin, kiam kaj kiel niaj organizaj formoj ĝisatingos la necesan maturon, por ke la socio — ĉiesa, ne nur esperantista — ensorbu kaj pervive reciklumu la estetikajn atingojn de nia kulturo.

*Probal Daŝgupto*

(Hajdrabado, Barato)



# Emas korespondi

* Dariusz Piltkowski, 24-jara komencanto, volas korespondi perrete por praktiki la lingvon kaj volus havi geamikojn en diversaj landoj. Li intersiĝas pri fremdaj lingvoj, psikologio, literaturo, muziko kaj komputiloj. <p.dariusz@wp.pl>.

* Mi bezonas informojn pri la urbo Sobral en Portugalio, en la landlimo kun Hispanio. Mi volas scii pri la historio, kutimoj, tradicioj, ktp. Adreso: Núbia Alves Sobral Andrade; Rua do Paraíso, 68; Farol; Maceió; AL Brazilo — BR-57057-240; <ariknub@ig.com.br>.

* S-ino Guerfi Fernande, emerita vidvino loĝanta sudokcidente de Francio, deziras korespondi kun gehispanoj. Ŝia adreso: 4 Avenue de Sarceix; FR-24800 Thiviers; Francio.

## Korekto

En la raporto "Esperanto en la universitaton" (Boletin 353) aperis jenaj eraroj: (13a p, 1a k. 16a l.) "tre" estu "tie". (2a k. 7a l.) post "samatempe vicprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio (HEF)" oni aldonu "kaj prezidanto de Kultura Asocio Esperantista".



# Lingva Angulo (18)

de Antonio Valén

## DANCANTAJ LITEROJ

Kredu min: vortoj foje montriĝas preskaŭ homaj, kun propra karno kaj sango, kun fajna haŭto kaj delikataj vejnoj, eble bel-staturaj kaj eĉ amindaj... kaj kompreneble ankaŭ capricemaj kaj arbitraj.

Kiam ni latinidoj eklernas esperanton eble iom tro emas kredi, ke la nova lingvo tre parencas etimologie nian gepatran, kaj do tute senzorge almetas o-finaĵon al hispana (franca, itala...) radiko kaj — hop! jen esperanta vorto. Kutime la afero ne tiel simplas —kvankam same veras, ke foje eĉ ne la o-finaĵon ni bezonas! Vidu, jen listeto de *veraj* "hisperantaj" vortoj: abismo, aeroplano, albino, alfabeto, alta, analfabeto, anapesto, antagonismo, aparato, apetito, arbusto... kaj multaj aliaj.

"Ho, kiel bele kaj facile eklerni esperanton!". Ĉu vere? Nur poste komencanto rimarkos, ke efektive la komencaj paŝoj en la zamenhofa estas multe pli rapidaj ol en aliaj lingvoj, sed kompense la parola kaj skriba perfektiĝado postulas nombron da jaroj. Kiel por ĉiuj lingvoj, bedaŭrinde.

Jen ebla helpo por tiu perfektigo, jen do eta listo de vortoj ege similaj al ties hispanaj ekvivalentoj, sed kun ŝanĝeto de unu vokalo aŭ de unu konsonanto:

**akordIono** *acordeón* (angle ***accordion***).

**asEmbleo** *asamblea* (france ***assemblée***, itale ***assemblea***, portugale ***assembléia***, angle ***assembly***).

**azEno** *asno* (latine ***asinus***). La logika esperantigo ***azino** aspektus ina vorto, kaj cetere la nuna **azenino** estus do ***azin-in-o**. Zamenhof saĝe elektis la **eno**-finaĵon. Estas amaseto da tiaj vortoj en nia lingvo: **abomEni**, *abominar, odiar*; **arlekEno**, *arlequín*; **baldakEno**, *baldaquín*; **bobEno**, *bobina*; **bultEno**, *boletín*; **delfEno**, *delfín*; **divEni**, *adivinar*; **domEno**, *dominó*; **ermEno**, *armiño*; **festEno**, *festín*; **florEno**, *florín*; **gelatEno**, *gelatina*; **jasmEno**,

*jazmín*; **karabEno**, *carabina*; **kurtEno**, *cortina*; **kusEno**, *cojín*; **lamEno**, *lámina*; **mandarEno**, *mandarín*; **palankEno**, *palanquín*; **platEno**, *platino*; **rabEno**, *rabino*; ktp.

**BUrbonoj** *Borbones* (france ***Bourbons***).

**departEmento** *departamento* (france ***département***). Kontraste, estas **apartAmento** (france ***appartement***). Laŭ IVE, dek sep radikoj finiĝas per **-ament-** (apartamento, fundamento, medikamento, parlamento...) kaj dek kvin finiĝas per **-ement-** (departemento, cemento, elemento, suplemento...). Aliaj simil-formaj kuriozaĵoj estas **abutmento** *estribo, contrafuerte* (angle ***abutment***), **arondismento** *distrito* (france ***arrondissement***), **entablEmento** *entablamento* (france ***entablement***), **kantonmento** *acantonamiento* (france ***cantonnement***, angle ***cantonment***), **taĉmento** *destacamento* (france ***détachement***, angle ***detachment***).

**dEvizo** *divisa* (moto, mallonga frazo) (france ***devise***, germane ***Devise***, angle ***device***, ruse ***djeviz***).

**katakOmbo** *catacumba* (france ***catacombe***, itale ***catacomba***, germane ***Katakombe***, angle ***catacomb***, ruse ***katakomba***).

**KolOseo** *Coliseo* (latine ***Colosseum***, itale ***Colosseo***).

**KordoVo** *Córdoba* (itale kaj angle ***Cordova***, france ***Cordoue***; tamen latine ***Corduba***, arabe ***Qurtuba***, greke ***Kordube***: mi vere ŝatus trovi pli ampleksan klarigon de tia etimo).

**labIrinto** *laberinto* (latine ***labyrinthus***, france ***labyrinthe***, itale ***labirinto***, portugale ***labirinto***, germane ***Labyrinth***, angle ***labyrinth***, ruse ***labirint***).

**lItanio** *letanía* (latine ***litania***, france ***litanie***, itale ***litania***, germane ***Litanei***, angle ***litany***, ruse ***litanija***).

**merIngo** *merengue* (france ***meringue***, itale ***meringa***, angle ***meringue***).

**mUmio** *momia* (itale ***mummia***, portugale ***múmia***, germane ***Mumie***, angle ***mummy***, ruse ***mumija***).

**PamplUno** *Pamplona* (france ***Pampelune***, spite la latinajn ***Pompaelo*** kaj ***Pampelona***: jen absurda francismo en esperanto).

**pArdoni** *perdonar* (france ***pardonner***, angle ***to pardon***).

**PirEneoj** *Pirineos* (latine ***Pyrenaei (montes)***, france ***Pyrénées***). De tie ankaŭ la hispana adjektivo *pirenaico*.

Bibliografio:

L. Bastien, *Naŭlingva Etimologia Leksikono* (1907), Londono, The Esperanto Publishing Company Ltd., 1950 (2a eld.).

A. Cherpillod, *Dictionnaire étymologique des noms géographiques*, Parizo, Masson, 1991.

B. Pabst, *Inversa Vortaro de Esperanto (IVE)*, Paderborno, Esperanto-Centro Paderborno, 1989.

E. Vilborg, *Etimologia Vortaro de Esperanto* (pluraj volumoj), Malmö, Eldona Societo Esperanto, pluraj jaroj ekde 1989.




# In-Spir'

Vinilkosmo lanĉis diskon de la fama franca kantisto Morice Benin en Esperanto. La disko aperis en Esperantio en januaro, kaj en februaro, distribuata de *Mosaic Music Distribution*, ĝi staris jam sur la bretoj de ĉiu franca diskovendejo (inkluzive de *Fnac*).

La disko, kiu estis surbendigita (fakte nur la voĉo) en la studio de Vinilkosmo en Donneville fare de nia sonreĝisoro Tribulet', prezentas 15 kanzonojn.

Morice Benin estas eksterordinara kantisto. Lia potenca kaj ensorĉa voĉo kaptas la atenton de la aŭskultanto ĉar ĝi sonas per, tenera, humura, engaĝita mesaĝo.

Tiu grandulo de la franca kanzono elektis vojetojn por ekzercadi sian talentan arton, tio klarigas sendube la etan distancon inter lia persono kaj siaj tekstoj. Tra akustika instrumentinventiva kreaĵo, li distilas por ni kontaĝan kaj karan vivo-blovon, eĉ en esperanto.

Kiu povas rezisti la magion de la muziko kaj la vortoj el kantoj kiaj *Al feliĉ'*?

Al feliĉ', al feliĉ',
for de langoj de obskur',
de okuloj kun rigard'
kiel tra truo de rusta serur'.

Nu, kiel diras la kantisto en "Homa blovo":

Findetruu ĉi muziko
la plej lastajn remparojn de l' enu'.

In-Spir' disponeblas en la TTT-ejo de Vinilkosmo (21,31 Eŭroj): <www.vinilkosmo.com>; Vinilkosmo; FR-31450 Donneville; Francio; Tel: +33 (0)5-61819565

* * *

Ke ajna esperanto-agado sukcesas kiam oni faras ĝin profesiece, tion klare montras la fakto ke la ne-esperanta disk-entrepreno *Mosaic Music Distribution* ankaŭ distribuos en la diskvendejoj de Francio la 4an (jam la 4a!) eldonon de la k-disko de Jacques Yvart "Kantas Georges Brassens" aperinta kadre de Kolekto 2000.

# Esperanto en la Litera Turo

Jen mencio pri esperanto en la ĵus eldonita hispanlingva romano "Copyright (plagios literarios y poder político al desnudo)", verkita de Jorge Maronna kaj Luis María Pescetti (argentinaj, la unua estas membro de la muzika grupo "Les Luthiers"), eldonita de Plaza & Janés. La teksto jenas:

"—Jebs, querría que usted dirigiera mi tesis.

—Ah, la tesis, ¿y cuál sería el tema?

—Un estudio comparado sobre textos medievales y el esperanto, porque hallé que... él rió.

—¿Qué disparate, Michelle!? El esperanto, esa lengua creada por Zamenhof en 1887... y abandonada por todo el mundo en ese mismo año!

La descalificación intelectual era otro remanido recurso del profesor, infalible las más de las veces."

La romano estas ĝenerale tre ironia. Sed notu ke kvankam la mencio estas iom malfavora je la komenco, la lasta paragrafo tute ŝanĝas la aferon. Mi atentigas pri tiu ĉi lasta punkto, pro tio ĉu hazarde iu mencias tiun ĉi tekston.

*Toño del Barrio*



## VERONA 2002

### 5a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso

**23-28 aŭgusto 2002**
**Efektiva lingva egaleco: rajto de la Eŭropanoj**

PROVIZORA PROGRAMO

Vendredo, 23a de aŭgusto
09:30 Gazetara konferenco.
10:00—12:30 / 15:00—18:30 Akceptado de la kongresanoj
16:00—19:00 Unua kunveno de la EEU-komitato (ne publika)
17:00 Inaŭguro de ekspozicioj
20:00 Interkona vespero.
Sabato, 24a de aŭgusto
10:00—12:30 Solena kongresa malfermo. (Ĉeestos la Prezidanto de UEA).
14:00—19:00 Naciaj kunvenoj. Aliaj eventualaj laborkunvenoj.
21:00 Bankedo.
Dimanĉo, 25a de aŭgusto
08:30—09:30 Diservo en Esperanto (en preĝejo San Luca aŭ San Zeno).
10:00—12:00 Prof. John Wells prelegos pri la kongresa temo.
12:00—13:00 Aperitivo.
15:00—16:00 Dua kunveno de la EEU-komitato (ne publika)
14:30—16:30 Alp-adria ronda tablo
17:00 Malsupreniro de paraŝutistoj en la ĝardenojn de la Arsenalo.
18:00 Koncerto de la muzikbando de la Aerarmeo.
21:00 Lirika koncerto
Lundo, 26a de aŭgusto
Tago dediĉita al Romeo kaj Julieta
09:30—11:30 Prof Humphrey Tonkin, eksa universitata rektoro en Hartfordt (Usono), specialisto pri Ŝekspiro, prelegos pri la dramo Romeo kaj Julieta.
12:00 Akcepto ĉe la urbodomo de la delegitaroj reprezentantaj la urbojn ĝemeliĝintajn kun Verono
15:00—18:00 Publika kunveno pri la agado de EEU, raportoj de la EEU-Komitato, diskuto kaj aprobo de rezolucioj.
18:15—19:30 Recitado en Esperanto de selektitaj pecoj el Romeo kaj Julieta de Ŝekspiro en la korto de la "Domo de Julieta" aŭ de Mercato Vecchio ("Malnova Bazaro").
20:30 Vespermanĝo kun Julieta. Servos ĉe la tabloj kelneroj en kostumoj de la tempo de Julieta kaj akompanos samepokaj muzikoj.
Mardo, 27a de aŭgusto
09:30—11:30 Vizito al la Nova bazaro de fruktoj kaj legomoj kaj krozado sur la Garda Lago per ekskluziva ŝipo.
Merkredo, 28a de aŭgusto
09:10 Fermo de la kongreso
11:00 Ekskurso al Venecio per trajno.
Ĵaŭdo, 29a de aŭgusto
Pliaj ekskursoj.

**VENU AL VERONA, LA URBO DE JULIETA KAJ ROMEO**

# Aniĝilo por 2002

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo :. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . .
Adreso :. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

❑ OM ordinara membro. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.492 -- . . . . 27,00 €
❑ kun junulkarto. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.043 -- . . . . 24,30 €
❑ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8.985 -- . . . . 54,00 €
❑ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8.985 -- . . . . 54,00 €
❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . . . . . 3.660 -- . . . . 22,00 €

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*. **PM**-anoj ricevas 5-centonan rabaton je mendoj de libroservo kaj je abono al *Eventoj*, *Esperanto* kaj *Kontakto*.

**Pagmaniero :**

❑ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
❑ Enkontigo ĉe: 0182-2552-61-0204011961 de BBVA (kunsendu la spezilon).
❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 €).
❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu la ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:

C.C.C.: _ _ _ _ / _ _ _ _ / _ _ / _ _ _ _ _ _ _ _ _ _
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:

Nombre y firma del titular:

# VERONA 2002

**5a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso**

23 — 28 aŭgusto 2002

A L I Ĝ I L O

Familia nomo: . . . . . . . . . . . . Persona nomo:. . . . . . . . . . . . . . viro/virino

Adreso: (nacilingve, latinlitere). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Lando:. . . . . . . . . . . . . . . . . Tel.-n-ro (kun prefikso) . . . . . . . . . . . . . .

Faks-n-ro . . . . . . . . . . . . . . e-poŝto: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Junuloj (ĝis 30-jaraj), kunuloj de kongresanoj kaj handikapuloj pagas reduktitan kotizon. Por ĉiu aliĝperiodo sekvas la kotizoj laŭ kategorioj en la jena ordo:

| Aliĝ-kotizoj | 1 (Ordinara) | 2 (Reduktita) |
| --- | --- | --- |
| ĝis 31 mar. 2002 | 80 | 40 € |
| ĝis 31 maj. 2002 | 90 | 45 € |
| Poste | 100 | 50 € |

(Infanoj ĝis 10-jaraj kaj akompanantoj de handikapuloj aliĝas senpage)

Mi pagis . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭrojn por aliĝo en kategorio . . . . . . . . . . .
(Indiku la motivon de redukto: junulo, kunulo, handikapulo; forstreku la nevalidajn) al la organiza komitato per p.ĉ.k / per la UEA-konto salv-i / per HEF; forstreku la nevalidjn.

Dato . . . . . . . . . . . . . . . . . . Subskribo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Organiza komitato: Verona Esperanto-Grupo, CP 1616, 37100 Verona, Italio

e-poŝto: <esperantoverona@adriacom.it> p.ĉ.k. 25673328, je la nomo de la kasisto:

s-ro Sergio Antoniazzi, Via Brigata Casale 1, 37137 Verona, Italio.

Oni povas pagi rekte al la O.K., per p.ĉ.k. , per ĉeko je la nomo de la kasisto aŭ per la UEA-konto salv-i —Sendu pagon kaj aliĝilon al la sama adreso, kun fotokopio de la pagatesto.

Oni povas kopii la aliĝilon, plenigi kaj sendi ĝin per ordinara aŭ elektronika poŝto al la Organiza Komitato: Verona Esperanto-Grupo.

Se vi pagas al HEF, sendu al ĝi vian aliĝilon, sed samtempe bonvolu ankaŭ sendi kopion de ĝi aŭ e-poŝtan sciigon al la Organiza Komitato.



**La eŭropaj esperantistoj nepre devas senti sin kontentaj: ili havas jam komunan valuton kaj komunan lingvon.**

**HEF: 91-446-80-79**

**www.esperanto-es.net**

# 61a Hispana Kongreso De Esperanto

**Alicante 5-7 de julio 2002**

**Sur la suba foto, la kunordiga grupo de esperanto de CNT en kampadejo El Pinajarro de Hervás (Cáceres).**



Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora